

# LA VERDA LUPEO

27-a jaro



21«100» INFORMILO DE ELF-AREK Marto 1995

Offizielles Organ der ArGe ESPERANTO im BdPh eV

## la 100-a numero de mi




mia dua titol-kapo




miaj legantoj





# NI GRATULAS

*Numero 100 de nia informilo*

*FENIKSO / LA VERDA LUPEO*

Samdate kun la fondiĝo de AMIKA RONDO DE ESPERANTAJ-KOLEKTANTOJ aperis la unua FENIKSO, informilo de nia klubo. Tio okazis la 1-an de decembro 1968. La dana Esperantisto Reinhold JENSEN laboris kiel ĝia redaktoro. Fidele kaj akurate li plenumis tiun laboron ĝis aprilo 1972, tiam la morto lin prenis el nia rondo.

En la unua numero la "afergvidanto", nia nuna prezidanto Ivar PAULSSON i.a. skribis: "...Ni donis la nomon FENIKSO al nia informilo por ke ĝi same kiel tiu fabela birdo povu teni sin ĉiam juna kaj forta...". Tiu unua FENIKSO ankaŭ enhavis la adresaron de la unuaj 17 fondiĝ-membroj (sed tiumomente jam aliĝis pliaj 11 Esperanto-filatelistoj). La atentigo de Paulsson, ke ĉiuj niaj membroj devas esti kunlaborantoj por la informilo, ankoraŭ hodiaŭ validas. Sen la kunlaboro de niaj klubaj geamikoj en formo de informoj pri novaĵoj aŭ malnovaĵoj nia informilo delonge ne plu ekzistus.

Post la morto de nia karmemora Reinhold JENSEN funkciis kiel redaktoro d-ro Antonio de SALVO (I) por la numeroj 21 - 33. Iom subite li ĉesis la redaktadon por poste redakti konatan religian E-gazeton. Tio okazis tuj post la unuiĝo de AREK kun ELF. Post unujara paŭzo sekvis 2 iom provizoraj numeroj de la informilo nun sub la nomo FENIKSO / LA VERDA LUPEO. Eldonis ilin nia prezidanto PAULSSON. "Redaktoro" estis Raŭl MELO.

Nova etapo komenciĝis en Januaro 1977 per la numero 36. Je peto de nia PAULSSON mi pretis redakti la informilon. La elstara E-filatelisto Dolfa BARTOŜIK el Prago, ankaŭ grafikisto de multaj E-glumarkoj, ekslibrisoj ktp., desegnis novan "kapon" por nia informilo. La filino de nia Prezidanto, Irene ERICSON, en sia laborejo pretigis nian informilon de numero 36 - 79 kaj nia Ivar PAULSSON devis ĝin komposti kaj ekspedi. La kompostadon kaj ekspedon ekde numero 80 transprenis nia amiko Richard HIRSCH: denove nia informilo pliboniĝis pro kompostistaj kapabloj de nia HIRSCH, li ja kvalite kapablas aranĝi la tekstojn kun fotoj kaj aldonaj trafaj grafikaĵoj.
Ekzistas tre harmonia kunlaboro inter li kaj mi, kiu post la unuiĝo de ambaŭ Germanioj konsiderinde pliboniĝis.



Rudolf Burmeister

Kaj nun antaŭ ni kuŝas la numero 100. Ni ĝojas kaj fieras pri tio. Koran dankon al ĉiuj geamikoj, kiuj helpis atingi tiun jubilean numeron. Multaj ne plu estas inter ni, sed ilia scio ne perdiĝis. Dankon antaŭ ĉio al nia Ivar PAULSSON, estis ja ĉefe li, kiu vivtenis nian informilon kaj klubon!

15 01 1995

*Rudolf BURMEISTER (redaktoro)*



# ANONCOJ

Ĉinio

Gao Zhen-xing, 50-9 Jiaxing, TJ-266031 QINGDAO (Shandong), deziras interŝanĝi kaj aĉeti E-filatelaĵojn.
(Li estas unu el niaj aktivaj kunlaborantoj de LVL en PR.Ĉinio.)

Brazilo

E-filatelisto Benedicto Silva, Caixa Postal 233, Sao Jose do Rio Preto -- SP, 15001-970 (Brazilo) (D kaj FD de UEA) 67-jara Esperantisto, eks-instruisto, serĉas E-filatelaĵojn kaj germanajn pm. Li proponas brazilajn kaj japanajn pm. Krome li serĉas ankaŭ E-fila-katalogon.

Usono

Samideanino Madeleine d´ESTRIES, 921 Val Vista 60, MESA AZ 85204, USA, serĉas korespondanton en Germanujo. Ŝi deziras interŝanĝi pm.

Konkurso GEMELOJ — Francio

Nia kluba amiko Michel BASSO verkas E-libron pri ĝemeloj. Li serĉas fotojn pri ĝemeloj -- strangajn rakontojn pri ili -- vorton por ĝemeloj en via nacia lingvo -- filatelaĵojn pri ĝemeloj. Inter la kontribuantoj TAKE-komisiono elektos kvin gajnintojn por premioj inter 150 ĝis 300 guldenoj.

Skribu al TAKE ESPERANTO -ĝemeloj- , Rue Tiefenbach, F-68920 Winzenheim, Francio.

## *Ni en filatela gazetaro*




Fekete en Hungario

-Vasutfila- (fervojo-filatelio) 1994-4
Artikolo pri la 46-a IFEF-kongreso kaj la 30-a Landa Fervojista Esperanto-Renkonto en Tata (H) 1994.

-Belyeg vilag- (Filatela Gazeto) 1994 - oktobro.
Novaj poŝtaj E-sta kaj la UK en Seulo.

-Belyeg vilag- (Filatela Gazeto) 1994-majo.
Artikolo "D-ro Esperanto kaj liaj samtempuloj" kun bildoj de tutaĵoj pri Zamenhof, Bujwid, Forel, Javal, Richet kaj Kalocsaj.

Rousseau en Francio.

"L´Echo de la Timbrologie"

E-rubrikon en tiu franca filatela gazeto daŭre prizorgas nia ELF-AREK-ano Jack-Andre Rousseau.

Amouroux en Francio

-La Philatelie Francaise- 1994 majo.
Artikolo "Victoire aileé de Brescia" kun bildoj de E-pk kaj E-glm.

(daŭrigo: "Ni en filatelaj gazetoj):

Sur tiuj estas bildo de "diino de la venko" kun ŝildo. Sur la E-bildpoŝtkarto de Itala Esperantista Federacio kaj E-glm de 1912 sur tiu ŝildo troviĝas enskribo en Esperanto: "KUN TUTA MONDO" . 1921 nov. 1 aperis in Italio pm-serio okaze de la tria datreveno de la "Venko en Venecio" kaj la bildo ĝuste prezentas la "diinon de la Venko" kun la ŝildo. La originalo de tiu diino, ĝi troviĝas en la Roma Muzeo Brescia, ne havas tiun ŝildon.Al tiu artikolo kunlaboris la Esperanto-filatelisto Giacomo Martinez, Udine (I).

"La Verda Lupeo" en Germanio

La "Philatelie" - kluba informilo de la Germana Filatelista Asocio, ĝin ricevas ĉiuj 15 000 membroj en Germanio kaj 4.000 filatelistoj en aliaj landoj, enhavas rubrikon por la informiloj de la 150 motiv- kaj laborgrupoj. En ĝi de tempo al tempo ankaŭ aperas informoj pri la enhavo de nia LVL.

Rimarko de Hirsch: De ĉiu numero de nia LVL mi sendas kelkajn ekzemplerojn al tiu asocio, aldonante koncizigitan tradukon en germana lingvo.



Célebre pintura de Pieter Brughel: "A Torre de Babel" (1563), sobre a confusão das línguas.

## Ni en Ekspozicioj

PITON en la Universitato de Sao Paulo (BR).

"...En aprilo 1994 mia kolekto estis videbla en la Lingvistika Fako de la Universitato de Sao Paulo sub la titolo: "La enigmo kaj la defio de Babel". Belaj koloraj afiŝoj anoncis ĝin. Sur ili legeblis: "...Deĉifru min aŭ mi voros vin...defias la eterna babela sfinkso, simbolo de la antikva intermalkompreniĝo de homoj kaj popoloj. Tamen dum tiu ĉi fascina poŝta vojaĝo tra la mondo kaj tra jarcentoj kaj jarmiloj en 20 stacioj (ekspo-kadroj)vi ekkonos la sekretojn de la labirinto-eliro kaj ekhavos la ŝlosilojn por deĉifri tiun fundamentan enigmon por la interkompreno de kaj en nia nuntempa mondo per unu el la plej grandanimaj idealoj de la homaro: la eposo de la Universala Ligo. Sen misteroj...

(daŭrigo ekspozicioj:)

Oni montris miajn 60 ekspo-foliojn en 20 kadroj, samtempe kun pli-grandigitaj fotoj de miaj filatelaĵoj, arte aranĝitaj. La tuto aspektis bela. -James Rezende Piton...".

Dankon pro viaj informoj kaj gratulon pro la sukcesa ekspozicio: Sukceson ankaŭ por la portugala/brazila pm-ekspo LUBRAPEX '95 dum oktobro.

MOSKVO '93 kun Fekete (H)

16-20 septembro 1993 okazis en Moskvo Trilanda PM-Ekspo por 15 ekspozaĵoj el Hungarujo, Ruslando kaj Rumanio. ELF-AREK-ano Stefan Fekete montris E-filatelaĵojn kun la titolo:

"Esperanto en la internacia kunagado" (60 folioj)

kaj ricevis por ĝi medalon en la rango de "granda arĝento".

Ni kore gratulas! La ekspozicio okazis en la "Kultura Centro de la Respubliko Hungarujo" en Moskvo.

**STAMPOJ**

Novaj Maŝinstampoj el Francio




Maŝinstampo en la poŝtejo PERPIGNAN CENTRE TRI:
Tempo: 15 12 1994 ĝis 14 03 1995.
Teksto: MI ESTAS DULINGVA KAJ VI? (sama teksto en la franca lingvo)
Uzita ankaŭ kun la datstampoj: "PP" kaj "SPECIMEN".
Estas malofte troveblaj bone legeblaj stampoj. Vidu sube!



















La ms mendis nia AMOUROUX. Jen el lia letero pri tiu ms:

"...Vidinte komencjare de 1994 parizan poŝtan stampon en la angla kaj franca lingvoj, reklamante pri tia dulingvismo, al R. Boré venis la ideo fari same por Esperanto.
Maldekstre de la stampo li volis indiki reklamcele tel.-numeron 3615, kiu donas informojn pri Esperanto. La poŝto tion rifuzis,

(daŭrigo de STAMPOJ):

ĉar sur tiaj stampoj ne povas aperi privataj indikoj. Poste li proponis la saman projekton kun la sola indiko: ESPERANTO.

Tion la poŝto akceptis kaj la sta funkciis dum 3 monatoj en Chambery. Laŭ instigo de R. Boré mi same agis en Perpignan. Sub la kondiĉo, ke la Esperanta kaj franca tekstoj estu egale altaj (pro nova leĝo TOUBON por protekto de la franca lingvo), la poŝto konsentis. Necesis tamen ankoraŭ konsento de la Perpignan-a urbestro.

Okazis, ke anstataŭ anoncitaj kostoj de 2.110,-- FF, la poŝto postulis 3.085,14 FF...Dua frapo estis , ke ofte la stampaĵoj, eĉ plej ofte, estis neklaraj aŭ eĉ ne legeblaj pro kadukiĝo de la stamp-maŝino.

Se iu volas plendi, li sin direktu, franclingve, kun sia plendo al: "Monsieur la Chef du Centre de Tri Postal, F-66000 Perpignan. La maŝino ĉiutage stampas ĉ. 20 mil kovertojn kaj pk..."

Maŝinstampo de Aix les Bains

CONGRÈS DE LA FÉDÉRATION
RHÔNE-ALPES D'ESPÉRANTO
LA LANGUE INTERNATIONALE
AIX LES BAINS 01/02-4-95

Unuan kaj duan de aprilo 1995 La "Rhone-Alpes Esperanto-Federacio" de Francio okazigos sian jarkongreson de 1995 en la urbo AIX LES BAINS. Sendita de nia AMOUROUX 17 01 95 ĝi atingis min 19 01 95.
La tekston vd. apude.

La unua tago de la uzo estas la 16 01 95 kaj la lasta tago de uzo estas la 01 04 1995.

Koran dankon pro ambaŭ informoj, Perpignan kaj Aix les Bains, al nia AMOUROUX.

La stampilo de la UK Seulo




Nia amiko J.A. Rosseau sciigis: "...Mi ricevis tiun UK-stampon kun la dato de 1994. 7. 30. En tiu stampo tre klare videblas la litero "E" en la stelo. Eble funkciis du stampiloj?..."

Tion tutcerte povus respondi niaj ELF-AREK-anoj, kiuj vizitis la UK en Seulo.




S-ro J.A. ROUSSEAU

Stampo kun la dato: 28 07 94, sen litero E.

Koran dankon kaj saluton al vi!

Pl 11 "75-jaroj Esperanto", Varsovio

En decembro 1993 nia pola amiko Stefan BIELAK sendis longan leteron pri tiu stampo. Li pruvis, ke tiu stampo estis ankaŭ uzata de la poŝtejo WARSZAWA 1 de 25.-31.8.1962. Niaj katalogoj notas ĝin sub la dato: 15.12.. Fonto de tiu stampo estis mia posedaĵo kaj tiu filatelaĵo montras nuligan stampon de Warszawa 1 de 15.12.62.

(daŭrigo de E-stampoj):

Nia E-stampo ne havas daton, sed nur "1962".

Nia Bielak skribis ankau pri aliaj datoj: 2.9.62 de Warszawa 3. kaj 18.12.62 de Warszawa 1.

Rimarko de Hirsch: La koncerna kataloga paĝo estas intertempe korektita kaj aperos en la suplemento 1995.

NOVAJOJ PRI AFRANKSTAMPOJ

Strážnice, 1994 01.11.-31.12








Teksto de la varbkliŝo en ĉeĥa lingvo: Ĉeĥa Esperanto-Asocio 25-jaroj kaj minuskle: Esperanto Sekcio de Ĉeĥaj Filatelistoj.

Bildo: konturoj de Hradŝin, la kastelo sur monto super la centro de Praha. Havebla en nia stampobanko.

Projektis: Karel Kuĉa, Praha; gravuris: Karel Pavliĉek, Praha. Informis: V. Hasala, dankon al li!

Afrankstampo de Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Praha








Tiu AF - kliŝo funkciis de 14 10 1991 ĝis 30 06 1993 kun la malnova landnomo. Ek de 01 07 1993 ĝis 02 05 94 kun la nova landnomo: ČESKÁ REPUBLIKA

La Ĉeĥa Esperanto-Asocio ne plu havas sian sidejon en la strato "Jilska" kaj vendis la afrankstampilon.




Afrankstampa kliŝo de Lanti

Tiu kliŝo funksiis en Strážnice de 19.-31.07.94.- Laŭ informo de Hasala.

La sama kliŝo ankaŭ ekzistas de la afrankmaŝino de la E-Klubo Praha. La datstampo estas de 02 05 1994.

Afrankstampoj de Strážnice

En Strážnice estis apud la Lanti-kliŝo ankaŭ uzita la suba kliŝo. La datoj: 01.12. 1993 ĝis 18.07.1994 laŭ informo de Hasala.




Fina rimarko: Ni esperas, ke ni povas pli detale raporti en la venonta LVL pri la sorto de la afrankmaŝino de la Ĉeĥa Esperanto-Asocio en Praha. Lastminuta informo: La afrankmaŝinon de Praha aĉetis nia klubano Hasala.

Detaloj pri la diversaj novaj ĉeĥaj AF aperos en la kataloga suplemento 1995.

(daŭrigo: afrankstampoj):

Novaj Antverpenaj afrankmaŝino kaj kliŝoj.



esperanto
Frankrijklei 140
B-2000 ANTWERPEN







Monato
Frankrijklei 140
B-2000 Antwerpen
Maandelijks tijdschrift
Imprimé à taxe réduite
Afgiftekantoor ANTWERPEN X

FRANCA ESPERANTISTO
Frankrijklei 140
B-2000 Antwerpen
Maandelijks tijdschrift
Imprimé à taxe réduite
Afgiftekantoor ANTWERPEN X

Silente kaj senbrue la Flandra Ligo en Antverpeno ekuzis novan afrankmaŝinon. Ĝis nun estas konataj tri novaj kliŝoj.

Informis pri ili niaj Hirsch kaj Beau al la redakcio de LVL.

Ni esperas, ke ni baldaŭ ricevos pli detalajn informojn de Flandra Ligo.

Plej fruaj datoj, ĝis nun konataj: 01 12 1994 (Monato), kaj 08 12 1994 (esperanto)

ELNA -AF daŭre funkcias

Nia Piton skribis: ..."...Pasintjare mi havis la bonŝancon viziti la belan kaj bone ekipitan sidejon de "Esperanto-Ligo por Norda Ameriko". Mi vidis ĝian etan "Pitney-Bowes" afrankmaŝinon. Ili daŭre uzas la pricentjaran kliŝon (vidu specimenon kun enlanda afranko):

La direktoro de la ELNA-oficejo, Miko Sloper, diris al mi, ke proksimtempe ELNA intencas uzi novan kliŝon kun propagando de ilia telefona numero laŭ sistemo 800 (senpagaj vokoj, kiuj donas informojn pri Esperanto). Tiu ŝanĝo kostos ĉ. 100 dolarojn..."

ESPERANTO
CENTENNIAL
1887 - 1987
The International Language




I N F O R M O :

La ĉinoj eksilentis!!

Post la fondiĝo de E-fila Ligo en Ĉinio, antaŭ pli ol duonjaro, ne plu atingis nin iuj informoj pri novaj E-filatelaĵoj el tiu lando. "Ni" - tio estas nia katalogisto Hirsch kaj mi, via redaktoro.

Se en nia jubilea numero ne troveblas ĉinaj novaĵoj, tio ne estas nia kulpo, sed ni tre bedaŭras tion.



## E-POŜTMARKOJ

### Mao Zedong pri Esperanto

Sur la poŝtmarko aperintaj antaŭ preskaŭ unu jaro en Ĉinio okaze de 100-jara jubileo de Mao Zedong oni povas legi liajn vortojn pri Esperanto: *"Mi ankoraŭ opinias, ke Esperanto estas lerninda kaj lernenda, se oni ĉin uzas por vera internaciismo kaj revolucio".*

*el Telopeo, okt./94*

La konata hungara gazeto "eventoj" represis en la decembra numero la apudan artikolon el la gazeto el "Telopeo" (pri kiu gazeto temas? Kiu konas tiun gazeton?). Ili informis, ke en Ĉinio aperis, okaze de la 100-jara naskiĝtago de Mao Zedong, poŝtmarko kun eldiro de Mao pri Esperanto.

(daŭrigo E-pm):

Al la LVL-redakcio ne konatiĝis tiu fakto. Ni informis tamen pri ĉinaj unuatagaj stampoj lige kun la Mao-pm-serio, kiuj havas la tekston de tiu fama Mao-eldiro pri Esperanto.

Esperanto poŝtmarko en Luksemburgio




Nia kluba amiko Michel BASSO malkovris ĝin hazarde. Sur koverto, sendita de Luksemburgio, troviĝis poŝtmarko kun la teksto:

CONGRES MONDIAL kun la emblemo de IPA.

Sube en ĝia rondo en ora skribaĵo: SERVO PER AMIKECO. Sube sur la pm. INTERNATIONAL POLICE ASSOCIATION.
Stampita: 11.11. 1994. La pm havas afrankvaloron de 18 frankoj.
Gratulon al BASSO pro tiu malkovro! Kompreneble ni serĉas pliajn detalojn: aperdato, ĉu serio, UTK, ĉu speciala stampo ktp.

# TELEFONKARTOJ




Jen ripete la bildo de la belga E-TK el nia LVL 6(85) (1991). Cetere por aperigi TK-on necesas nek personaj kontaktoj al iuj poŝtaj ministerioj, nek iuj klopodoj. Necesas nur posedo de sufiĉe da mono por mendi ĝin ĉe eldonantoj

Rimarko: Se oni trastudas la diversajn poŝtmark-gazetojn, tiam oni konstatas, ke la merkato momente estas preskaŭ inundita per diversspecaj telefonkartoj.

LA JAPANA TELEFONKARTO EL LA JARO 1986

Tiu T-karto aperis omaĝe al la 71-a Universala Kongreso de Esperanto en Pekino (1986). Iniciatis ĝin la "Esperanto-Amikaro de Oomoto". La multkolora telefonkarto havas varbsloganon (vd. dekstre). En japana lingvo teksto pri la 71-a UK. La karto ankaŭ montras bildon de Zamenhof kaj E-stelon. Krome troviĝas sur ĝi noto pri 50 unuoj.




La aspekto de la dorsflanko ne estas konata, sed certe en la venonta LVL ni povas informi pri tio.
Nia Amouroux nun sendis kopion de tiu E-telefonkarto kaj ni kore dankas al li.Bv, sendi ankaŭ kopion de la dorsflanko. Kiu povas traduki la japanan tekston?

Ni esperas, ke ni ankoraŭ ricevos pliajn detalojn pri tiu T-karto.

(daŭrigo T-kartoj):

DETALOJ KAJ KLARIGOJ PRI LA ĈEHA TELEFONKARTO

Nia Hasala informas: "...ĝi estas nek fuŝprodukto, nek reklamaciaĵo tial, ke 10 unuoj validas por 10 lokaj telefonparoloj po 3 minutoj. Por eksterlandaj telefonaj ligoj ĝi ne taŭgas pro altaj tarifoj. La lokaj unuoj sufiĉus nur por kelkaj sekundoj, depende de la distanco.

Signifo de n-roj/ciferoj: 56/05.94/2.500: 56-a telefonkarto de CZ - 05/94 =dato de mendilo (produktis ĝin fabriko en Francio) - 2.500 = eldonkvanto. 2.000 ricevis la mendinto kaj 500 restis je dispono de CZ-Telecom. Krome en la ĉeĥa: 10 telefonaj unuoj.

Tiu ĉi karto povas esti vendata nur en nedifektitaj ujoj. Ĝi ne suferu mekanikan perforton: kurbigo, tordado, premo kaj ĝi perdas funkcion ĉe varmo je pli ol 60 gradoj Celsius..."

"La espero": Temas pri nomo de firmao en posedo de nia Hasala.

E - MAKSIMUM- POSTKARTO EL KOLOMBIO




Nia membro el la ĉefurbo de Kolombio, s-ino d-rino Betty CADAVID, informis pri E-filatelaĵo, aperinta en Kolombio:

"...La 1-an de decembro 1993 aperis poŝtmarko kun la bildo de la "Ŝtono de El Peñol", "El Peñol" estas belega turisma loko en la provinco Antjoko de Kolombio, kie situas tiu roko kaj akvobaraĵo. Por fari maksimumkarton oni uzis E-bildkarton, kiun pli frue eldonis entrepreno en la urbo Medellin. La bildflanko montras preskaŭ saman bildon kiel la pm kaj la E-tekston.

"Ŝtono de "El Peñol" - Kolombio

La surgluita poŝtmarko ricevis specialan unuatagan nuligan poŝtstampon , i.a. kun la teksto: "Colombia Turistica" kaj bildo, kiu montras palmon, beston, plaĝon kun homoj kaj rokon (monton). La poŝtoficejo Santafe de Bogota ĝin uzis dum la 1-a de dec. 93. Videblas dua, nuliga, samdata stampo de Bogota sur tiu karto..." Koran dankon pro la informo al nia kolombia membro: Betty CADAVID!Bonvolu informi la redaktoron, ĉu eble ekzistas aliaj E-bildkartoj, eldonitaj en Medellin (de "hola-Colina).

Noto: En nov. 94 tiu maksimumkarto kostis en Kolombio: 4,50 US$

dorsflanko de la kolombia maksimum-pk







ĉefurbo BOGOTA

## NUMISMATIKO



Nia E-numismatikisto Hans Jankowski skribis al la redaktoro:

"...Post dissendo de la broŝuro "Esperanto-mono" min atingis kelkaj donacoj kaj informoj, kiuj donas komprenon al kelkaj aferoj pri Esperanto-mono. 1992 mi ricevis de Vulfoviĉ kelkajn malgrandajn spesmilomarkojn de "La Cekbanko Esperantista". Iom poste Amouroux sendis al mi ĉekon de tiu banko kaj mi nun komprenis la signifon de la malgrandaj spesmilomarkoj. Sen surgluitaj sm-markoj temis pri normala ĉeko de ĉekbanko.. Kiu akceptis ĝin, devis unue atendi, ĉu la banko akceptis ĝin, se estis sufiĉe da mono sur la konto de la paginto. Per aĉeto kaj surgluo de la sm-markoj (ja temis pri "valormarkoj") la akcepto de la ĉeko ĉe la banko en la sumo de valormarkoj estis





(daŭrigo: NUMISMATIKO)

garantiata kaj tial ĝi ankaŭ povis esti transdonata kiel kambio aŭ monbileto..."

UNIVERSALA SPESMILA BANKO







Nia Hans Jankowski daŭrigis en sia letero:

"...Vane ĝis nun mi serĉis informojn pri la Universala Spesmila Banko, kiu 1927 en Nederlando eldonis monbiletojn. En la Esperanto-grupo de Haarlem ĝis 1980 estis serio de tiuj biletoj. Sed ili malaperis. Feliĉe mi ricevis en decembro 1994 4 el 5 monbiletoj de tiu banko: 1/2; 2; 5 kaj 10 Spesmiloj, mankas nur la valoro de 1 sm. Aldone la kopio de la 5-sm-bileto.

Koran dankon al Hans Jankowski pro tiuj informoj, kiujn li sukcesis tiri el la abismo de la forgeso.

(sm = Spesmilo)

El la enciklopedio de E.

Spesmilo = unuo de la internacia helpa monsistemo decimala, proponita en 1907 de R. Saussure kaj uzita antaŭmilite de Esperantistoj, ĉefe de Ĉekbanko E-ista.

1 spesmilo = 10 Spescentoj= 100 Spesdekoj = 1000 Spesoj. 1 Spesmilo estis egala al duondolaro, unu rublo, 2.50 svisaj frankoj (1933/34)

E-REKLAMO SUR POŜTĈEKAJ KOVERTOJ (FRANCIO) de Amouroux

En LVL 97 troviĝis informo pri Esperanto-reklamoj sur poŝtĉekaj kovertoj el Parizo, 1934. Nun nia Amouroux sendis tradukon de tiu artikolo el la franca filatela gazeto:

"...Reklamoj sur kovertoj de la Poŝtaj Ĉekkontaj Centroj havas siajn kolektantojn. Permesu al mi ĉi-tie prezenti al vi precizan ekzemplon de nia filatela temo: Esperanto.

Fine de 1933 la Domo de Esperanto en Parizo lanĉis propagandan kampanjon en formo de "konkurso", simpla kaj amuza, rezervita al homoj, kiuj neniam lernis Esperanton. La celo de tiu propagando estis interesigi la ne-Esperantistan publikon pri la Internacia

(daŭrigo de la artikolo de Amouroux):

Lingvo. Plej alta premio estis vojaĝo al Stokholmo dum la semajno de la 26-a Universala Kongreso de Esperanto, de la 4-a ĝis la 11-a de aŭgusto 1934.

La reklama anonco estis presita sur la kovertoj de la oficejo de Poŝtaj Ĉekkontoj en Parizo. Tiuj kovertoj, afrankliberaj, estis adresitaj al la posedantoj de poŝtaj ĉekkontoj por sendi al ili iliajn konteltirojn.

La kovertoj kun tiu E-reklamo havis eldonkvanton de 1 miliono. Koloro de la surpresaĵo: viola.

La unuan premion gajnis pariza altfrekvenca-teknikisto, enskribita sub la numero 496 en la listo de la kongresanoj...".

Koran dankon pro la informoj al nia Amouroux.

# La balono ESPERANTO en la E-filatelio




Bedaŭrinde neniam mi ricevis informojn pri filatelaĵoj lige kun la varmaera balono ESPERANTO, tial sekvaj informoj sendube estas mankohavaj. Sed nenio malhelpus vin kompletigi tiujn informojn! Kompreneble ni ĉiuj konas la E-pm de la 64-a UK en Luzern 1979. Sur ĝi estas bildo de la svisa varmaera balono ESPERANTO.La 14-an de decembro 1976 okazis balonpoŝtflugo okaze de la bapto de la varmaera balono ESPERANTO: La E-societo de Zürich kaj la piloto aperigis memorigan balonkoverton por tiu flugo kun eldonkvanto de 2500 ekzempleroj. Sur la koverto estas bildo de la balono, teksto en E kaj en la germana lingvoj:

"Balonpoŝtflugo okaze de la bapto de la unua varmaera balono ESPERANTO"

Sur la koverto ni ankaŭ trovas la privatan balonstampon kun la E-teksto: "AERPOSTO/varmaera balono/HB-BEO/ESPERANTO

Por la 64-a UK en Luzern aperis memoriga poŝtmarko kun la bildo de la balono ESPERANTO kaj dum la kongreso funkciis memoriga poŝta stampo kun bildo de tiu balono.

(daŭrigo: E-balono)

La 28-an de junio 1979, en la unua tago de tiu Universala Kongreso, la balono ESPERANTO flugis super la kongresurbo. Pri tio memorigas balonkoverto kun teksto en Esperanto:

"BALONPOSTFLUGO/OKAZE DE LA/64a UNIVERSALA KONGRESO/ DE ESPERANTO/LUZERN 1979" Bildo de balono akompanis la tekston. Sur la koverto pozas rektangula balonstampo kun la teksto en Esperanto: "transportita per la/varmaera balono/"ESPERANTO" HB-BEO/Piloto: Bruno Rohr" Sur la dorsa flanko de la koverto troviĝas la klariga teksto: Startloko: Trafikmuzeo Luzern/ Starthoro: 28.7.1979./11.14 h Daŭro: 32 minutoj/ Surteriĝo Meggen 11.46 h./Piloto Bruno Rohr/Kopiloto D-ro A. Kappler.




Ekzistas ankaŭ maksimuma poŝtkarto de la Luzerna pm. La stampo "eldontago" estas de Bern kun la dato: 21.2.1979. Bildo sekvos en LVL 22(101).

Tria al mi konata E-filatela balonpoŝtaĵo estas "balonpoŝtkarto" pri la "46-a GERMANA INFANVILAĜ BALONFLUGO" (20-a NOVJARFLUGO)

46-a GERMANA INFANVILAĜ BALONFLUGO
20-a NOVJARFLUGO
KARTO N-ro: 3235
STARTLOKO: SURTERIĜLOKO:
NOVJARDEZIROJ
Piloto: Varmegaerbalono:
BALONPOŜTO VARMAERA BALONO HB-BEO ESPERANTO
Druck: Photoglob AG. Zürich – Photo: F. Liechti, Zürich

Laŭ la surkartaj notoj la startloko estis la vilaĝo: St. Silvester(CH) kaj la surterigloko la svisa urbo PLAFFELEN la 1-an de januaro 1980. Pilotis denove: Bruno Rohr. E-filatela tial, ĉar la teksto sur la karto estas en Esperanto kaj grandparte estas surgluitaj la pm de la UK en Luzern.

"Nia"balono ne nur trifoje veturis. En nia"Granda Katalogo" videblas bildo pri "balonkarto" dediĉita al la: "1-a SVISA VARMAERA BALONA KONKURO" kun teksto en la franca kaj la germana lingvoj, 1979 en Pruntrut.

Sur tiu "balonkarto" troviĝas ronda (!) balonstampo kun la teksto: BORDSTEMPEL BALLON HE-BEO" kaj meze en Esperanto: AERPOŜTO/varmaera balono/ HB-BEO/ESPERANTO



(daŭrigo: E-balono)




Tutcerte ekzistas aliaj filatelaĵoj pri flugoj de "nia" balono, pri ili eble eĉ scias iuj el niaj ELF-AREK-anoj, aŭ la Esperanto-Societo Zürich, kiu sendube ludis grandan rolon en la historio de tiu balono. Kiu kompletigas niajn sciojn? Cetere, ĉu la balono ankoraŭ "vivas?

Skribu al la redaktoro!




# GLUMARKOJ

46-a IFEF - Kongreso 1994




Krems, 13 -20 majo 1994. mezuro: 75x50 memglua, verda kaj nigra sur blanka tranĉita, ĉu folio ??

Bildo: Konturoj de Aŭstrio kun Danubo kaj situo de KREMS, emblemo de IFEF.

Teksto: 46-a IFEF/Esperanto-Kongreso/ 13-20 majo 1994

Trovita sur koverto, sendita de nia Germano Gimelli. Dankon!

64-a Itala E-Kongreso 1994

Vicenza, 26 - 30-a aŭgusto 1994.

memglua, verda sur blanka, tranĉita, 35x23
Folio ??, bildo: kongresa emblemo,
Teksto: 64-a A ITALA KONGRESO DE ESPERANTO
VICENZA; PALACO BELLI; 26-a - 30-a aŭgusto 94




Sendis ĝin nia Elda DÖRFLER: Dankon al vi.

28-a ILEI - Konferenco 1994




Univ. Kangnam, Koreio, 1994, 30.7. - 5.8. (dum la Seula UK)

Ovala, memglua, verda sur blanka, tranĉita, 51x31, ĉu folio?
Bildo: romboforma desegnaĵo kaj stelo

Sendis ĝin nia Elda Dörfler, koran dankon al vi!



## LASTMINUTE...










Aperis nova afrankmaŝin-varbkliŝo, ĝis nun ne konata.

Ni esploros la aferon kaj ni certe povos informi vin en la venonta LVL.

KOTIZO 1995

Ĉu vi jam pagis vian kotizon por 1995? Detalojn pri la kotizo kaj pri la pageblecoj vi trovos ĉi-sube.

Por germanoj eblas "enkasigo pere de la kasisto". Bv. kontakti lin! Ne sendu ĉekon!!! Kun via pago sendu informojn al la kasisto. La bankoj ne informas pri nomoj de pagintoj. Nia amiko BEAU ankaŭ prizorgas "Literaturan Servon" kaj estas peranto por multaj E-gazetoj. La adreso: Literatura Servo p.a. Rolf Beau, Jacobstr. 9,D-04105 Leipzig. (Tel.: (03 41)295 500.

Kunlaboris por la LVL 21(100):

Beau, Hirsch, Heiss, Jankowski, Piton, Amouroux, Gao, Dörfler, Gimelli, Hasala, Cadavid, Fekete, Rousseau, Bielak.

La LVL-redaktoro sincere dankas al ili!

Fondiĝo de Ĉeĥa Filatela E-Asocio estas "gazeta anaso"

La pasintnumera informo pri tiu fondiĝo ne estas vero. La redaktoroj de la UK-kuriero fuŝis ĉe la raporto de Kosieniak. El la fondiĝo de la Ĉina E-Filatela Asocio ili faris "Ĉeĥa E-Filatela-Asocio".


*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*

Informilo de ELF-AREK
Esperanto-Ligo Filatelista
Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj
*Offizielles Organ der ArGe Esperanto (laborgrupo Esperanto) im (en la) VPhA (Asocio de Filatelaj Laborgrupoj)*

<><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><>

| | | |
|---|---|---|
| *Redaktoro:* | *Rudolf Burmeister, Max-Müller-Str.62* | |
| | | *D-09123 Chemnitz* |
| *Prezidanto:* | *Ivar Paulsson,* | *Skytteholmsvägen 29* |
| | | *S-17144 Solna* |
| *Kasisto:* | *Rolf Beau,* | *Jacobstr. 9* |
| | | *D-04105 Leipzig* |
| *Banko:* | Sparkasse Leipzig, Konto-No: 1 190 223 08 | |
| | Bankkodnr(BLZ): 860 555 92 | |
| *Postbank:* | *Nürnberg Konto-No: 3667 37-855* | |
| | *Bankkodo (BLZ): 760 100 85* | |
| *UEA-konto:* | *elfx-r* | |
| *Kotizo 1995:* | *DM 26,-- /13 IRK* | |
| *Stampobanko:* | *Werner Heimlich,* | *Fröbelstr. 4* |
| | | *D-29614 Soltau* |
| *Kompostis, ekspedis kaj presis* | *Richard Hirsch,* | *Lambertstr. 12* |
| | | *D-36251 Bad Hersfeld* |